# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

32a jaro — Marto-Aprilo 1980 — N-ro 2

HORST-SEVENUM (Nederlando)
Stacidomo de la 32-a IFEF-Kongres-loko.

# AL KIO UTILAS IFEF-SKISEMAJNO?

Vi, IFEF-membro, kiu neniam ĉeestis internacian Esperanto Skisemajnon, certe malpravas, ĉar tie, for de la solenoj, oni ĝuas amikan, familian etoson en malgranda rondo. Oni spertas siajn sporteblecojn kaj uzadas la Universalan Lingvon - oni almenaŭ devus ...

Mi jam partoprenis 8 IFES-n. Neniam mi enuis. Mi skiadis (ofte ankaŭ mia postaĵo) kaj parolis Esperanton kiel eble plej ofte. Sed mi konstatas, ke nia lingvo iom post iom malaperas. Tro multaj ĉeestantoj tag- kaj vespermanĝas, deziras ĉambron, promenadas, skias kun samlingvaj "krokodilantoj"; aliaj venigas neesperantistajn geamikojn cele - laŭdire - al propagando (ĉu vere ???). Mi eĉ aŭdis, ke la lingva konkurso, kiu okazas meze de la semajno estas kontestata.

Mi, kiu ŝatas vintrosportojn, vizitas laŭ mia tempo kaj mia monujo skiurbetojn en mia hejmlando (bedaŭrinde tre malofte). Sed IFES havas por mi pli gravan signifon: frateco en nia rondo per Esperanto.

Mi petas la organizontojn ne forgesi tion. Temas pri Esperanto-skisemajno, ne pri olimpiaj ludoj. Plie, mi asertas ke, se mankas luksaj pokaloj, ne gravas. Se via landa asocio havas ŝancon ricevi donacojn de eminentuloj por premii iun, mi kredas, ke la venkinto de la lingva konkurso meritas la plej belan. Kaj, al vi, kiu kontestas tiun konkurson, mi respondas, ke en kazo de ĉiuminuta uzado de Esperanto de ĉiuj partoprenantoj, verŝajne ĝi ne plu utilus. Sed kiam?

Mi profitas tiun artikoleton por denove danki nian kolegon Johann Geroldinger, kiu iniciatis la Internaciajn Fervojistajn Esperanto Skisemajnojn. Ili vivu longtempe kaj restu vere internaciaj.

Gérard Horn
FFEA

* * * * * * * * * * * * * *

Noto de la redaktoro:

La rubrikon "Libera Tribuno" mi rezervis por la daŭrigo de la diskuto pri maljuniĝo de IFEF (vidu paĝon 29).

Tiuokaze mi denove dankas tiujn, kiuj interesiĝas pri tiu temo.

La ĉi-supra artikolo tuŝas alian problemon: la uzado - aŭ ne - de nia lingvo Esperanto dum la internaciaj kunvenoj.

Pri tio mi mem jam aludis en IF 4/79 paĝo 49.

Espereble pri tiuj du gravaj aferoj konscios nia tuta membraro.

Rd.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr.121, D-6000 Frankfurt/Main 70
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F 78420Carrières/Seine
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK 9800 Hjørring.

# 32a IFEF KONGRESO EN NEDERLANDO

16a - 22a de majo 1980




Adreso de LKK:
32a IFEF-kongreso,
Julianaplein 2,
NL-1097 DN Amsterdam.

Vidu ankaŭ la informojn en IF n-roj 5-6/79 kaj 1/80.

La vojaĝo.
Bedaŭrinde en IF n-ro 1/80estas (malgranda) eraro:
sur paĝo 4, dua kolumno en la mezo, oni legu:
Alveninte per aliaj trajnoj en Roosendaal oni vojaĝu al Breda (f - 25'), kaj en Breda (a - 43') oni prenu ... ktp.

Plue relegu atente tiujn komunikojn pri la vojaĝo.

Vendredon la 16an de majo, dum la tuta tago (de la 9a h ĝis 22.30h) LKK-kunlaboranto ĉeestos en la stacidomo de Horts-Sevenum por akcepti vin. Ankaŭ sabatmatene dum kelkaj horoj iu estos tie.
Se vi jam nun scias, ke vi alvenos ekster tiuj horoj aŭ je aliaj tagoj ni urĝe petas al vi: informu nin, por ke ni havu la okazon akcepti ĉiujn. Tamen ĉiuokaze la deĵoranto en la stacidomo povos helpi vin! Montru vian kongreskarton.

Atentu:
Se vi intencas alveni en Venlo per "Rhein Express" (19.56 h) nepre informu nin, ĉar ekzistas la ebleco veturigi ekstran trajnon de Venlo al Horst-Sevenum.

Aliĝo.
La limdato por la aliĝo estas la 15a de aprilo.
Post tiu tago LKK ne plu havos la okazon lui plurajn bangalojn.
Atentu: ne vojaĝu al la kongresloko, se vi ne havas nian konfirmon pri via partoprenado!
Ĝis la 14a de majo vi povus, se necese, telefone atingi LKK-on:
..... - 3120929959 (antaŭ la strieto la numeron, kiu donas la konekton kun la internacia reto, ekz. en Germanio: 00, en Francio 19 ktp.
Ek de la 14a de majo LKK estas atingebla en la kongresejo n-ro: .....
- 314764888, bangalo 324.

Monŝanĝejo.
En la akceptejo de la bangalaro funkcios monŝanĝejo je sabato (la 17a de majo) de la 9a ĝis la 17a h.
La poŝtoficejo je sabato estos fermita.

Ekskursoj.
En IF nro 1 vi jam legis ion pri la ekskurso al Eindhoven. Kaj ni ankaŭ jam anoncis, ke ni decidis apartigi tiun ekskurson en du grupojn: kun aŭ sen vizito al "Evoluon". La du grupoj vojaĝos per la samaj aŭtobusoj al Eindhoven kaj reen. Do mendu ĉe la akceptejo la duontagan ekskurson A sen "Evoluon" (gld.10) aŭ kun "Evoluon" (gld.15). Pri kelkaj ekskursoj vi trovis priskribojn en IF.
Kunprenu ilin al la kongreso!

LKK, deziras al la gepartoprenantoj bonan vojaĝon al Nederlando.

LKK.

PROGRAMO DE LA 32a IFEF-KONGRESO EN AMERICA - 16a - 22a DE MAJO 1980

| Tago | Programo (horoj 8 – 23) |
|---|---|
| vendredo 16-05-80 | gazetaro; LKK; IFEF-estr; alveno de la kongresanoj; aŭtobusservo de la stacidomo al "Het Meerdal"; vesper-manĝo; interkona vespero |
| sabato 17-05-80 | 15 surpr. progr.; 30 inaŭguro; lunĉo; Term. kom. I; vesper-manĝo; kulturvespero (B. S. S. O.) |
| dimanĉo 18.05.80 | ekumena diservo; TK II; lunĉo; komitatkunsido; M. B. Marjorie Boulton; vesper manĝo; internacia balo |
| lundo 19.05.80 | fakprelega k.; historia k.; T. K. III; M. B.; lunĉo; 45 duontaga ekskurso I; vesper-manĝo; filmo kaj fakprelego |
| mardo 20.05.80 | plenkunsido I (publika); lunĉo; 45 duontaga ekskurso II; vesper-manĝo; forumo filmo, diap. |
| merkredo 21.05.80 | 30 plenkunsido II (publika); lunĉo; M. B.; term. kom. IV 15; vesper-manĝo; prelego d-ro Boulton |
| ĵaŭdo 22.05.80 | 15 tuttage ekskurso; fermo; festmanĝo |
| vendredo 23.05.80 | Je la 7.15 h. aŭtobusservo al stacidomo. |

# LA TUTTAGA EKSKURSO

en la 32a IFEF-kongreso en America, Nederlando.

Ĉi tiu ekskurso okazos unue al la Liberaera Muzeo en Arnhem. El la riĉa enhavo de la muzeo ni devis elekti, ĉar por vidi la tuton oni bezonas minimume unu tutan tagon. La numeroj estas tiuj de la vidindaĵoj kaj metitaj antaŭ la ejo.
Poste ni veturos per ŝipo de Arnhem al Rhenen sur la rivero Rajnc.

Priskribo de la vizitotaj ejoj:

127. Malgranda bieno el la t.n. Achterhoek-tipo en Harreveld.
Tio ĉi estas t.n. "los hoes", t.e. domo en kiu homoj kaj brutoj vivas kune en unu granda ejo. La domo havas vandojn el trabaĵo kun argilfarĉo. Maldika, fleksebla ligno estis plektita inter fortikaj pintohavaj bastonoj, metitaj en la fakojn de la trabaĵo. Por ke la bastonoj estu meteblaj, antaŭe la horizontalaj traboj estis provizitaj per truoj malsupre kaj V-forma kanelo supre. Sur ĉi tiun plektaĵon oni ĵete metis miksaĵon el argilo, hakita pajlo kaj bova sterko kaj poste ĝin glatigis. Pro la strukturo de argilo, ligno kaj pajlo, kun multe da aerĉeloj, la izola povo de tia vando estis tre granda. En arkivaj dokumentoj ĉi tiu biendomo la unuan fojon aperas en 1771. Ĝi estas aranĝita por brutbredado kun spaco por 3 ĝis 5 bovinoj kaj porka stalo.

22. Biendomo el Staphorst, konstruita ĉirkaŭ 1800.
Tre longforma trinava biendomo. La porloĝa parto havas murojn el brikoj, la biena sekcio havas grandparte vandojn el ligno. La bieno sin trovas sur la limo inter marĉa torftero kaj pli alta sablogrundo. Oni bredis ĉefe bovinojn. Pri tio oni vidas malantaŭe en la biena parto du grandegajn fojnejojn, en kiujn la fojno estis metita de sur la tero. La envetura pordo estas en la malalta flanka muro. La agrikulturo sur la magra sablogrundo necesigis grandan potstalon kun pordoj en la flanka muro. Dekstre vi vidas en la flanka navo la spacon, kie staris la bovinoj; en granda bieno kia ĉi tiu 15 ĝis 20. Kaj jen la klarigo pri la termino "potstalo". Tio estas simple rektangulara kavo fosita en la teron. Sur la bovinan sterkaĵon oni ĉiam denove metis :tavolon da erikejaj pecoj kaj hakita pajlo, ĝis la bestoj staris je tera nivelo. Post tio oni sensterkigis la stalon. Per la sterkaĵo la bienisto povis teni parton el siaj agroj fekunda. Sur ĝi li kulturis sekalon, poligonon ks.

32. "Kloŝa" biendomo el Zuid Scharwoude.
Ĝi estas loĝa- kaj biena konstruaĵo kun preskaŭ kvadrata plano sub piramidforma tegmento, kiu sin apogas sur kvar fortikaj fostoj el ligno. En ĝi estas sulkostalo por la laktobrutoj (18 ĝis 20 bovinoj). La lakto estis uzata por la farado de plengrasa fromaĝo. La loĝeja sekcio kun la karakterize 18-jarcenta nordholanda panelaro kaj fajrejoj kun kaheloj, kiel en la hejmoj de bonhavaj burĝoj, komercistoj kaj fabrikantoj en aliaj regionoj nordholandaj. La bovinejo estas aranĝita kiel parada stalo, laŭ la nordholanda kutimo, kiam somere la bovinoj sin paŝtis sur la herbejo.

33. Duklapa baskulponto - Ouderkerk ĉe la rivero Amstel.
Karakterize holanda pontotipo, kiu ebligis la traveturon de alte rigitaj vel- kaj aliaj ŝipoj. Pere de lignaj leviloj kun kontraŭpezaĵo la ligna

klapo estis suprenturnita. Proks 1800.

34. Komercista loĝejo - Koog ĉe la rivero Zaan.
Loĝeja formo de tre bonhavaj Zaanlandaj komercistoj/entreprenistoj. La tuto estas el 1740-1780 kun kelkaj partoj pli malnovaj. Enirinte tra la doma pordo, oni unue rigardas en la kontoreton. Tie la komercisto librotenadis. Oni havis interesojn en i a la lignokomerco, ligno-segejoj, ŝipfarado, oleofarado kaj -komercado, paperfabrikado, balenkaptado, ŝipvelfarado, farbofabrikoj, senŝeligejoj kaj biskvitbakejoj. Malantaŭ la kontoro estas kuirejo. Flanke de ĝi apartigita ejo kun litŝranko. La malantaŭa parto de ĉi tiu alo estas la t n aerdomo. Ĉiu komercista domo havis tian sekcion, prefere fenestrantan al la rivero Zaan. Estas spaco de verando kun multe da vitro.

41. Konstruaĵo por nekonstantaj ekspozicioj.
La eksteraĵo estas kopio de la originalo, kiu brulkonsumiĝis en 1970, por kiu estis uzitaj ankaŭ malnovaj fragmentoj. La pompa fasado estas el proks 1750.

55. Vent-grenmuelejo el Huizen.
La plej malnovaj partoj estas el eble antaŭ 1700. Tiun ĉi soklo-muelejon oni povas rigardi nur de ekstere. Ĉe tiu ĉi ventmueleja tipo la tuta mekanismo estas lokita en ligna "ŝranko", kiu staras sur dikega akso aŭ stativo. Speco de vosto kaj du longaj apogtraboj, inter kiuj estas metita la ŝtuparo, preskaŭ atingas ĝis la tero.

90. Vent-grenmuelejo el Delft, konstruita ĉirkaŭ 1700.
La alto de la muelejo estas proks 26 metroj. Ekstere kontraŭ la torso sidas balkono, necesa por la lofado (t e meti la alojn kontraŭ la venton) kaj por la fiksado de la veloj sur la kradojn de la aloj.

89. Akvorada muelejo por la paperfabrikado en la regiono Veluwe.
Ĉi tiu entrepreno, kun sia instalaĵo pelita de falanta akvo, donas bildon de la paperfabrikado kiel tiu aplikiĝis ĉirkaŭ la jaro 1850 ankoraŭ en la malnova industrio de la okcidenta rando de tiu regiono ĉe la limo inter altaj kaj basaj grundoj. La akvorado eksteraflanke de la konstruaĵo pelas pezan horizontalan distribuakson el ligno. La kamoj levas falmartelegojn, kiuj pistas la materialon (tolĉifonojn) je kaĉo. Rotacianta cilindro kun tranĉiloj cirkuligas la kaĉon en ovala kuvo el ligno kaj tiel pli diserigas ĝin. La kaĉo fariĝas papero, kiam oni ĉerpas ĝin per kadro kun fajnmaŝa kuprogazo el la kuvo.

56. Lavejo el Overveen.
Industria konstruo, kies plej malnovaj partoj eble estas el antaŭ 1700. En la antaŭa jarcento instaliĝis en ĝi la ankoraŭ ĉeestanta lavejo. La tolaĵoj de dignaj familioj i a el Amsterdam estis traktataj po unu aŭ kelkaj fojoj en jaro de tiaj entreprenoj. La plej gravaj instalaĵoj estas rezervujo kun forno por varmega akvo, kaldrono por la boligendaj lavaĵoj kaj grandaj ujoj kaj kuvoj parte en la teron fositajn por trasorbigado kaj gargarado. Dum la antaŭa jarcento la tolaĵoj krome estis blankigitaj per la sunlumo sur herbejoj.

42. Malgranda ŝipfarejo de la insulo Marken.
Servis la bontenadon de la fiŝistaj barkoj de la insulo. Pere de ligna kapstano tiuj estis tiritaj sur la deklivon. En la budo la planko situas tiom alte, ke tie oni ne estis ĝenata

de la akvo.

43. Fiŝita dometo de Marken. Tute el ligno. Konstruita en 1750. Estas du ejoj en ĝi: unu granda loĝoĉambro kaj la bela ĉambreto. Antaŭ la pordo puto por trinkakvo. Pro la danĝero de inundoj ĝi estas konstruita sur monteto.

44. Ŝafejo de la insulo Teksel. Tiu insulo ĉiam estis konata pro siaj ŝafoj (lano). Dum la nokto ili restadis en tiaj staloj, en kiujn oni metis ankaŭ fojnon. Eble el antaŭ 1800.

45. Malgranda vent-akvomuelejo el Gouda. Ĝi estas el la jaro 1900. Servas por la forfluigo de akvo de marĉa herbeja parcelo. La kapacito estas nur modera. Oni nomas ĝin "aanbrengertje", t e "alfluiganteto". Per la vosto sur la malantaŭo de la muelejo la vento ĉiam korekte lofis ĝin. Ofte ĝi estas propraĵo de la bienisto sur kies tero ĝi staras.

46. Angilnegocista kabano - Amsterdam. La fiŝistoj el Volendam, kiuj venis Amsterdamon por kolporti siajn angilojn kaj aliajn fiŝojn, iufoje tranoktis en tiaj kabanoj. La jena kabano estas el 1870.

47. Ventmuelejo por la segado de ligno, t n jupforma muelejo el Numansdorp. (En la malnovfranca lingvo "paltoc" estis vira supra vestaĵo kun baskoj, kiuj sub la zono larĝe disstaris). Tiu ĉi ventmueleja tipo estis inventita ĉirkaŭ 1600 en Nederlando por la segado de importitaj traboj je bretoj kaj ripoj, i a por la ŝipfarado kaj konstruo de domoj. Nia muelejo devenas el Dordrecht, kaj antaŭ ol ĝi estis transportita al la muzeo, ĝi ankoraŭ ĝis 1854 funkciis en Numansdorp. La plej aĝaj partoj verŝajne estas el proks 1700.

23. Granda biendomo kun sinjora ĉambro - Oud Beyerland. La loĝeja parto konstruiĝis en 1617, kun aparta etaĝo por la posedanto, la t n "sinjora ĉambro". Ĝi apartenas al granda bieno.

24. Bieno el Giethoorn. Tiu ĉi brutbredista biendomo konstruiĝis en 1832 en Giethoorn kaj estas karakteriza por la herbej- kaj lageta regiono de nord-okcidenta Overijssel. La loĝo-sekcio grandparte havas murojn el brikoj, la laborsekcio estas tegita per bretoj. Inter la sekcioj estas lignovando. La draŝejo estis la centra laborloko, kie i a oni faris buteron, kaj kiu estis ankaŭ purigejo por la ilaro. La meza navo kun la aparte alta tegmento servis kiel staplejo de fojno per kiu dum la vintra sezono nutriĝis la brutoj.

19. Malgranda biendomo el Beltrum. Entrepreneto establita ĉirkaŭ 1750 por iom da agrikulturado kaj hejmindustrio. Ĉi kaze homoj kaj bestoj ne loĝis en la sama spaco, ĉar inter loĝo- kaj laborsekcio estas disiga muro. Oni do, loĝis iom pli komforte. Vi tamen ne havu troan imagon pri tiu komforto, ĉar en tia ejo en 1838 ekzemple loĝis du familioj konsistantaj el entute 12 personoj.

12. Taglaborista dometo - Nunspeet. Unuĉambra etloĝejo kun budospaco el la dua duono de la antaŭa jarcento. Estis loĝata de agri- kaj arbarkulturaj laboristoj.

3. Eta bieno en Vierhouten. Konstruita mallonge antaŭ 1850. Malgranda entrepreneto sur la nefekundaj sablo-grundoj. Fakte ĝi estas

nur loĝejo de agrikultura laboristo.

1. Porĉevala oleomuelejo el Zieuwent.
Instalaĵo por la premado de oleo el semoj. Proks en 1830 instalita en antaŭa biendomo. La energifonto ĉi kaze estis ĉevalo aŭ okso. La funkciigo de la mekanismo postulis tiom da forto, ke la besto post du horoj estu anstataŭata de ripozinta alia besto. Etbienuloj ĉi tie elpremigis siajn oleotenajn semojn (kolzo kaj rapo). La oleon oni uzis por lumigado aŭ konsumado. El linsemo produktiĝis linoleo.

125. Ekspozicio de regionaj kostumoj.

El muzea gvidlibro. Trad. J.Ph.Punt.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI 1979

(Bonvolu kompletigi la raporton per respektivaj publikaĵoj el "Internacia Fervojisto". Laŭeble ni donos indikojn).

Niaj mortintoj
Francio: Marcel vom Hofe
Germanio: Theodor Fischer, Wilhelm Böhm, Fritz Behnke, Paul Buchwald, Friedrich Nickel.
Hispanio: Jaime Miró Ginè.
Nederlando: Gerrit Cuperus, A.J.W. van Kouwen, E.J.M. Schinkel, H.W. Carton, J.C. de Ligt.

Membrostato.
Denove estas komplika problemo, analizi la membroevoluon. Unuflanke ni povas kontente konstati, ke la bulgara kaj pola landaj asocioj denove aperas en la listo, kvankam nur kun 20 membroj (komp. IF 1/80 paĝo 9). Aliaflanke mankas por la jarfino ankoraŭ la ciferoj por Britio, Ĉeĥoslovakio kaj Japanio. Tio estas tre bedaŭrinde, precipe flanke de du landoj, por kiuj ja neniel ekzistas malfacilaĵoj ĝiri kotizojn kaj anonci membrojn. Se ni konjektas por tiuj tri landoj la antaŭjarajn ciferojn kaj aldonas 11 honorajn membrojn, ni atingus por la jarfino 1979 = 2669 membrojn, kio signifus perdon de 30 membroj dum 79, ĉefe kaŭzita de Hispanio kaj Nederlando.

La pasinta jaro estis la lasta, en kiu validis la kotizo de 12 dkr.
Ni esperas, ke la landaj asocioj klare komprenigos al siaj membroj la neceson de la kotiz-plialtigo kaj zorgos, ke la membronombro pro tio ne malkreskos. Tre interese estas, ke el studoj en la federacia organo antaŭ la unua mondmilito kaj same en la dudekaj jaroj oni devas konstati, ke neniam la revuoj regule povis aperi, kaj ke ili krome laŭ paĝonombro ofte devis esti reduktitaj, ĉar nur malmultaj membroj abonis ilin. Estus netolerebla stato, se denove nia organo dependus de neregulaj kaj malmultaj abonoj.

Honorigo.
En la kongreso de Turku la vicprezidanto de IFEF, W.L. van Leeuwen, estis distingita per la Ora Medalo de la FISAIC (IF 4 paĝo 45).

Agado de la estraro.
La du laŭstatutaj kunvenoj okazis en marto en Tolne (DK) kaj en novembro en America (NL). La ĉiam ampleksaj tagordoj estis plene traktitaj en kutima harmonio. La estraranoj krome vizitis jarkunvenojn kaj aliajn

aranĝojn naciajn kaj internaciajn. Tiel ofte eblas trakti lokajn aŭ landajn problemojn pli efike ol en kongreso, kie ne ĉiam la tempo sufiĉas. Kiel kutime estis prilaborenda amaso de korespondaĵoj kaj legenda multege da revuoj. Sole en la sekretariejo envenis 403 sendaĵojn kaj estis forsenditaj 426.

Laborplano.
En Turku estis diskutita nova laborplano, pri kiu la komitato findecidos en America. Ĝi kompletigos kaj perfektigos la ĝisnunan laborplanon. Entute oni povas diri, ke multaj punktoj el la laborplano daŭre resp. laŭbezone estas plenumataj de la landaj asocioj kaj estraro. Mencii ĉiujn detalojn postulus tro da spaco. Krome multajn postulojn de la laborplano ni traktas en tiu ĉi raporto sub aliaj pozicioj. Jen ni ĉefe citu

- la daŭran aktivecon de la Terminara Komisiono (IF 4, p.46), kiu ne nur laboris dum la kongreso, sed krome kunvenis en Bremen (D) kaj tiel progresigis la komisionan laboron. La komisiona ligilo "Terminara Kuriero" denove ludis gravan rolon kiel instigilo kaj helpilo.

- la daŭre necesan kaj bone solvitan taskon de la Fakprelega Komisiono, kiu ĉiam zorgas, ke la fakprelegoj en niaj kongresoj bonorde kaj altnivele funkcias (IF 4, p. 47).

- la evoluon de la laboro en la Historio-Komisiono, kiu nun transiras el la epoko de kolektado al kompilado kaj verkado (IF 4, p. 46).

- ke al la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno ni sendis gratulleteron okaze de ties 50jara jubileo (IF 5, p. 58).

- ke regule ni informas la Internacian Transportlaboristan Federacion (ITF) pri nia laboro kaj ricevas ĝian organon.

- la eldonon de la Fervoja Leksikono Franca-Esperanta, kiun prilaboris A. Blondeaux, eldonitan jam en 1978. Tio estas nova grava paŝo de nia faka laboro (IF 1,p.10).

- la aperon de Esperanto-klarigoj nun ankaŭ en la horaro de la Ĉeĥoslovakaj Ŝtataj Fervojoj. La Internacia Lingvo troveblas nun en sep horaroj.

- la resumon kaj komentarion pri la landaj raportoj, ĉiujare ampleksa kaj altvalora verkaĵo (IF 4, p.50).

Pri diversaj landaj asocioj.

Bulgario: La bulgara landa asocio havas novan gvidantaron, kiu sukcesis ordigi la kotizproblemon. La bonvena konsekvenco estas, ke Bulgario povis reveni en la vicon de niaj landaj asocioj en septembro 1979 (IF 1/80, p. 3).

Grekio: En Ateno montriĝas esperplenaj ĝermoj inter la fervojistoj. La IFEF-prezidanto surloke subtenis tiun evoluon per prelego. Okazis kurso. Ni atendu la rezulton.

Polio: Ankaŭ en Polio oni sukcesis post kelkjaraj klopodoj de la iama Ĉefkomitatano kaj de la IFEF-estraro ordigi la kotizperadon, tiel ke Polio ekde 1979 denove ekzistas kiel landa asocio de IFEF (IF 4, p. 34).

Rumanio: Ankaŭ en 1979 mankis bonvola reago je niaj petoj ordigi la rilatojn inter vegeta asocio kaj IFEF.

Aranĝoj.
a) 31a kongreso de IFEF.
Ĝi okazis de la 15a ĝis la 21a de junio en Turku (Finnlando) kun 354 partoprenantoj el 20 landoj. Protokolo en IF 4/79.

Jen kelkaj menciindaĵoj:
kongresejo, kiu ofertis ĉiujn eblecojn, modernege ekipita, precipe taŭga por laborkunsidoj,
du elstaraj fakprelegoj,
komprenemaj diskutantoj en la kunsidoj,
reelekto de la ĉefkomitatano,
koincido kun prezidantara kunveno de la FISAIC,
transdono de Ora Medalo de FISAIC al la IFEF-vicprezidanto,
elstara arta vespero,
akcepto de delegitaro flanke de la urbo,
tri enhaveriĉaj kongresbultenoj dank'al oferemaj gehelpantoj.

b) Internacia Skisemajno.
Ĝi okazis la 20an fojon de la 17a ĝis la 24a de marto en Maria Alm (Aŭstrio) kun 85 partoprenantoj el 8 landoj.

c) Fervojista Kontaktkunveno.
Ĝi okazis la 31an de julio dum la UK Luzern kun pli ol 50 interesuloj. Parolis la IFEF-prezidanto. Prelegis mag. Sredič pri la nova trafikkoncepto de Svislando (IF 5, p. 68).

FISAIC:
La FISAIC-prezidantaro, kiu kunvenis samtempe kun la 31a kongreso en Turku, ĉeestis dum la inaŭguro, la kulturvespero kaj la balo. La anstataŭa ĝeneralprezidanto, s-ro Bisch (F) salutis en la inaŭguro. La rektaj rilatoj ĉefe okazas sur landa nivelo.

Perspektivoj.
Post resanigo de la federaciaj financoj per la komitata decido en Turku tiu flanko de la "medalo" momente ne kaŭzas zorgojn, kvankam oni ne povas antaŭvidi, kiel longe daŭros, ĝis kiam la ĉiea inflacio estos formanĝinta la provizon en la kaso. La alia flanko tamen aspektas multe pli malhele, ĉar ĝuste en tiuj landaj asocioj, kiuj pro la konataj ĝeneralaj cirkonstancoj estas la spino de IFEF laŭ membronombro kaj pago-ebleco, daŭre plialtiĝas la nombro de emerituloj, sekve ankaŭ de la mortintoj. La konsekvenco evidentiĝas. Samdirekte efikas la seninterrompa modernigo de la fervojoj, kio kaŭzas malagrablan ĝeneralan redukton de la fervojistoj mem. Promesplena estas la reveno de la bulgara kaj pola landaj asocioj en la Federacion kun po 20 membroj, kaj ni ĉiloke esprimas la esperon, ke por tiuj du asocioj baldaŭ eblos pligrandigi sian membronombron.

Frankfurt/M, en marto 1980

Elfriede Kruse, sekretariino

# IFES 80

Neĝo kaj suno en la Dolomit-montaro




La duan fojon dum la historio de IFES niaj italaj geamikoj Delvina kaj Germano Gimelli prenis sur sin la nefacilan taskon organizi la Internacian Fervojistan Esperanto-Skisemajnon en Plan/Val Gardena. Kiu jam antaŭ kvin jaroj samloke partoprenis la 16an IFES antaŭsciis, ke belega pejzaĝo, admirinda panoramo kaj unikaj ĉiuspecaj skivojoj ĝojigos la alvojaĝontojn. La domo, "Casa Alpina del Dopolavoro Ferroviario di Bologna" estis bela, la plej multaj ĉambroj tre bone ekipitaj, la manĝoj bonaj kaj senriproĉaj, la vino mal-

multekosta kaj abunda, la direktoro, s-ro Vincenzo Benini, ĉiam afabla; por la du Esperanto-kursoj (elementa, kiun gvidis André Hervouet, Francio, kaj konversacia, kiun gvidis Leo de Bruyne, Belgio) taŭga salono estis je dispono, kaj la endoma trinkejo povis plenumi multajn dezirojn.

El 9 landoj (Aŭstrio, Belgio, Danlando, Francio, Germanio, Italio, Jugoslavio, Pollando kaj Svislando) venis la vizitantoj en aĝo inter 2 kaj 80 jaroj tiel multnombraj (118), ke kelkaj bedaŭrinde devis dormi ekster la domo, tamen tre proksime. Dumtage la anaro dissvarmis, elektante inter 38 ĉe-lokaj skiliftoj, telferoj kaj seĝliftoj, la longdistancaj skiantoj ĝojis pri aparte belaj lojpoj kaj pri la ĉarma franca instruanto Jean Mevel, kiu krome ankaŭ gardis la skikomencantojn, kiuj riskis la unuan fojon alpine gliti. Aliaj promenis, butikumis aŭ ekskursis. Por plene eluzi la belan tagmezon multaj petis lunĉpakaĵetojn por ie surmonte en sunbrilo ĝui la kunportitan manĝon en grupo da geamikoj - speciala travivaĵo neforgesebla.

La vesperaj programeroj iomete suferis pro manko de sufiĉe granda salono. Sed eĉ lerta kaj sperta paro, kia estas niaj ge-Gimelli, ne povis ŝanĝkonstrui la domon por niaj celoj ... Do ni devis iomete ŝviti dum film- kaj diaprelegoj, sed oni absolute forgesis tion dum la entuziasma prezentado de la teatra kaj baleda grupo el Parizo. Grandan laŭdon, elkoran gratulon kaj dankon al ĉiuj 11 aktivuloj pro la diligenta preparlaboro kaj la spriteco de la elpensitaj spektakloj! Tiu vespero nepre estis la kultura kulmino de la 21a IFES. - Granda sukceso kiel ĉiam fariĝis la karnavala vespero. Oni vidis multegajn fantaziriĉajn maskojn, la bonhumoro estis senlima kaj la dansemuloj nelacigeblaj.

La partopreno de la lingva kaj skiadaj konkursoj estis libervola, tamen ĝojige multnombra. Tio respeguliĝis per la 24 premioj, kiujn la organizantoj en ĉeesto de s-ro Giulio Turrini, konsiliano pri kulturo de DLF Bologna, disdonadis. Bedaŭrinde s-ro Pasquale Cesi, prezidanto de DLF Bologna kaj honorkomitatano de IFEF, ne povis veni pro morto de familiano; pro tiu malĝojiga evento ni komunikas al li niajn varmajn kondolenc-esprimojn.



Jovan Mirković, ricevinte la IFEF-premion.

Permesu, ke mi ĉi-loke mallongigu la liston de la gajnintoj, menciante el ĉiu kategorio nur la plej sukcesan: alpina skiado, spertuloj: Leonardo d'Amico, Italio; duonspertuloj, viroj: Friedrich Hilpert, Germanio; duonspertuloj, virinoj: Maria Grazia Cuzzani, Italio; komencantoj: Jean Marie Verstappen, Belgio; longdistanca skiado: Jean-Paul Legeard, Francio; konkurso por piedirantoj: André Hervouet, Francio; lingva konkurso: Johann Geroldinger, Aŭstrio; premio por la plej bela individua masko: Jean-Pierre Sadoc, Francio; premio por la plej bele maskita paro: Kjeld Høsterkjøb kaj Madeleine Hansen, Danlando. La kursgvidantoj kaj ĉiuj aktivuloj de

la teatraĵoj krome ricevis memor-medalojn.

Por la kombinita konkurso el ski-ado kaj lingvoscio estis destinita la lasta premio, la t n IFEF-premio: Jovan Mirković el Jugoslavio ĝin ricevis el la manoj de IFEF-sekretariino Elfriede Kruse (nia bildo), kaj li ankaŭ promesis organizi la venontjaran IFES, ie en Jugoslavio.

Elisabeth Ritterspach

## REVIDO SUR STRUSSING

Kiu iam spertis la intime familian etoson de skisemajno en la komforta montardomo Strussing proksime de Bischofshofen (Aŭstrio), tiu ja komprenas, kial regule la partoprenantoj insiste petadas Johanon Geroldinger ankaŭ sekvontjare "organizi ion" ... Tiel okazis en Februaro 1979 kaj same en Februaro 1980.

Trideko da aŭstraj kaj germanaj geamikoj de vintra sporto kaj libertempado, fervojistoj kaj nefervojistoj en aĝo inter 16 kaj 80 jaroj, ĝuis abundan neĝon sub agrable varmiga sunbrilo, kaj bonegajn manĝaĵojn. La rondo de la Esperanto-tablo diligente praktikadis la Internacian Lingvon, ne nur dum la manĝoj. La skiantoj konkeris deklivon post deklivo, kaj la piedirantoj promenadis diversvoje al proksima naturamika domo. Dum komuna konkursludo en karnavalaj kostumoj oni povis gajni nur kun iom da feliĉo, trafante la "idealan tempon" antaŭfiksitan, sed krome necesis bona observemo por ĝuste respondi elbalotitan demandon, kio donis pliajn poentojn.

Samvespere la karnavalfina dancado, spicita per ludoj, kiujn aranĝis Josef Weidacher, daŭris ĝis tre malfrua horo. Dum alia vespero Elisabeth Ritterspach vigle rakontis pri sia 12-semajna aktivado en Bona Espero (Brazilo) dum somero 1979, klarigante siajn diapozitivojn. Rezultis multegaj demandoj kaj fine spontanea monkolekto (750 Oes). Kun plezuro oni povis rigardi kolorbildojn pri la ĵus pasinta 21a IFES en Plan/Val Gardena (Italio), ĉar dek el la partoprenantoj ankaŭ tie ĉeestis.

Antaŭ ol forveturi, Johano Geroldinger interkonsentis kun la dommastro de Strussing, ke ankaŭ venontjare dum la tria semajno de Februaro aŭdiĝos Esperanto en la kutima komuna ĉambro.

Koran dankon, Johano.

Ritt.

## NEKROLOGOJ

Nederlando.

Bedaŭrinde la morto denove forprenis de FERN du fidelajn membrojn.
La 20-an de aŭgusto 1979 mortis en sia loĝloko Etten-Leur

H.W. Carton, en aĝo de 79 jaroj.

La 7-an de novembro 1979 forlasis nin en Rotterdam

J.C. de Ligt, en aĝo de 81 jaroj.

IFEF kondolencas al la familianoj kaj al FERN.
Ni konservu al la mortintoj bonan memoron. Ili ripozu en paco!

# LIBERA TRIBUNO (sekvo)

Vidu IF 5/79 paĝo 70
6/79 - 74
1/80 - 12-13

"G.G." respondas:

Sendante miajn sugestojn al "IF" mi esperis kaj atendis diskuton pri ili, sed ĉar ŝajne ekestis tamen kelkaj miskomprenoj, mi ankoraŭfoje volas preni mallonge la vorton - kiel eble plej koncize:

1) Ni ne povas fordiskuti la fakton, ke ne estas bone, se la kongresoj okazas for de la publiko. Por la varbado tutcerte iu feria loko ne estas la plej efika - ankaŭ se ankoraŭ aliaj homoj samtempe estos tie.

Nia problemo ja estas, ke oni ĉiam asertas, ke oni nenion plu aŭdas pri la iam mondvaste konata internacia lingvo!

2) La dubo pri manko da okupo dum la kongreso neniam temis pri longjaraj esperantistoj, sed nur pri la eblecoj, interesigi novajn.

Amiko Gimelli skribis, kaj ankaŭ simile esprimis nia kara Wim en sia malfermita letero, ke - tute prave - la plej grava celo de kongreso estu, ke la novbakita esperantisto kontaktu kun alia. Mi plene konsentas pri ĉiu vorto, sed ... la ĉefaĵo ja estas instigi ilin veni tien! Kaj en tiu ĉi rilato la prezo kompare al la oferto estas simple tro alta!

Vidu: nova esperantisto, ĉu juna aŭ iom malpli juna, kiu ĵus (kaj ofte nur kun multe da klopodoj niaflanke!) estis preta, lerni iom da Esperanto, ne faras - multekostan! - libertempon nur por paroli. Tia idealismo estus dezirinda, sed laŭ miaj spertoj en la nuna tempo de plene evoluigita monda turismo ne plu ekzistas.

Tute kontraŭe: Ili kutime simple timas eluzi la novajn kaj ankoraŭ malfortajn konojn! Ke se ili nun per la sama mono povas fari ekz. interesan rondvojaĝon sen esti "turmentata" per parol-devo en lingvo, nur malbone regata, ili certe elektos tion!

Kredu al mi, tio ne estas pesimisma kverelaĵo, sed realisma prijuĝo! Ankaŭ mia unua letero al "IF" estiĝis nur pro tio, ĉar grupo de almenaŭ 10 gelernantoj ĝoje atendis komunan partoprenon de la kongreso kaj - aŭdante detalojn - parte pro la kostoj, parte pro la loko mem rezignis. Kaj mi ne supozas, ke la junuloj de via(j) lando(j) estas tiom pli idealismaj, sed - se jes: kie ili estas?

"G.G."
(Linz)

* * * * * * *

Letero al "G.G."

Kara longjara kongresanino.

Jes vi tute pravas, la membraro timige maljuniĝas, - kaj la kongresoj lokitaj ie izolite ne estas dignaj por kultura asocio. Oni devas iri meze inter la homoj laŭ proverbo biblia: "Kiam la profeto ne venas al la monto, la monto devas veni al la profeto". Tio signifas tutsimple, ke la esperantistoj aperu kaj agu publike. Laŭ miaj spertoj tio estas eĉ sukcesa. Por diri tion, mi aranĝis en ok urboj sur publikaj placoj informstandojn, - kaj la rezulto estis, ke en kvar urboj poste establiĝis Esperanto-kursoj, parte en la popolaltlernejoj. Tio do signifas, ke "oni" ne atendu al pli bonaj tempoj, ili ne venas de si mem, - kontraŭe, kel-

kaj aktivuloj devas ion fari. - Kaj oni povas fari multon eĉ per simplaj rimedoj, oni bezonas nur tablon, flagetojn por iom ornami ĝin, varbilojn, nature kun bonaj tekstoj, tabulon kun belaj poŝtmarkoj, kelkajn interesajn librojn, (kompreneble lernolibrojn kaj vortarojn), - kaj "elokventon" por trafe argumenti kaj diskuti. Tiu laste menciita punkto estas esence grava, ĉar persono, kiu ne memfide kapablas prezenti la aferon, ne nur ne utilas, male mallerta prezento de la faktoj eĉ fataligas ĉion. Ĉion ĉi oni devas pripensi, kiam oni volas efike varbi por la internacia lingvo. Kompreneble estas nepra kondiĉo, ke la persono(j), kiu(j) volas varbi publike, devas regi la lingvon senriproĉe bone, kaj koni ankaŭ la historion. Sed mi certas, ke oni ja povas interesigi la homojn, kiam oni la menciitajn punktojn observas.- Nature oni bezonas la homojn, kiuj posedas certan kuraĝon prezenti sin publike. Sed tio estas lernebla. Do, Esperanto povus progresi, kiam niaj "samideanoj" nur volus, - sed mi preskaŭ havas la imagon, ke multaj nur sin reciproke amike frapas sur la ŝultroj, konfirmante sin, kiaj bonaj homoj ili do estas, ke ili ja lernis la lingvon internacian, - kaj lasas ĉion alian, al la sorto, - kaj eĉ larmplene lamentas, ke la afero stagnas.- Ni ne povas atendi helpon de iu ajn instanco, sen iniciati aktivecojn. La aktiveco devas veni el la rondo de la esperantistoj, - nur kiam ni sentime kun bonaj argumentoj alfrontas la publikon, ni finfine progresos. Tio estas pena vojo, kies surpaŝo postulas energion kaj paciencon, - sed laŭ miaj spertoj, la peno - indas! Fina rimarko: "Prefere helike antaŭen, ol galope en la malĝustan direkton kuregi".
Se ĉiu, kiu daŭre plendas pri malprogreso de Esperanto, tion serioze pripensas kaj agas laŭ tiu amara vero, ni tutcerte post certa tempo ne nur gajnos novajn interesulojn, ni ankaŭ progresos en tio, ke la movado pligrandiĝos. -
Tion diras malnova spertulo.

H. S.
Augsburg

# ESPERANTO-VIVO

Ĉeĥoslovakio.

20 jaroj de Esperanto en urbo Ceská Třebová (CSSR)

Nordorienta bohema urbo Česká Třebová havas jam longjaran Esperantan tradicion. Jam en la jaro 1921 estis ĉi tie fondita fervojista Ĉeĥa Esperanto Federacio. Sed, bedaŭrinde, unuajn agadjarojn de la federacio poströstis nur unuopaj, koncizaj informoj. Dum multaj postaj jaroj laboris en Česka Třebová nur esperantistoj-unuopuloj ĝis la jaro 1960. En ĉi tiu jaro naskiĝis nova E-grupo, kies entuziasmaj anoj destinis por ĝi la nomon "Amikeco". La komenco ne estis facila, ĉar en Ĉeĥoslavakio ne ekzistis organizo, kiu prizorgus Esperantistojn. Kvin entuziasmaj grupanoj komencis fervore propagandi Esperanton. Ili iniciatis propagandan ekspozicion, kie helpe de la nova E-grupo la utileco kaj vasta uzebleco de Esperanto estis klare montrita. Tiam ankaŭ la Esperantistaro plivastiĝis je pli ol 25 nove aliĝintaj lernantoj. Unu oferema ano de E-grupo komencis organizi ankaŭ eksterlandajn ekskursojn, kiuj altiris pluajn geinteresantojn al Esperanto. Oni vizitis Bulgarion, Svedion, Norvegion, Danlandon kaj Francion. Sed ne ĉiuj aniĝis por la-

bori kaj baldaŭ forlasis niajn vicojn. Sed tiuj, kiuj restis laboris bonege plu. Omaĝe de la 125-jara datreveno de la granda loka teksaĵfabriko oni eldonis informilon, kaj iom pli poste aperis beleta broŝureto pri la urbo Česká Třebová kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. La broŝureto estas konata en multaj landoj de la mondo. Kaj denove alvenas tempo, kiam nova E-federacio de ĉeĥaj fervojistoj estas fondata. Ĝia estraro estas elektita precipe el la anaro de la grupo "Amikeco". Dum la ekzistado de la menciita Federacio staris sur ĝia pinto, krom aliaj, du esperantistoj el Česká Třebová, kaj ankaŭ la nuna prezidanto komencis sian E-laboron en la grupo "Amikeco".

Ni povas senhezite skribi, ke preskaŭ ĉiu civitano de Česká Třebová scias almenaŭ iomete pri Esperanto. Oftaj eksterlandaj gastoj, kiuj vizitadas nian urbon, publikaj prelegoj kun diapozitivoj pri eksterlandaj vojaĝoj de grupanoj, edziĝfestoj de esperantistoj - eĉ unu internacia, ĉiujaraj, jam tradiciaj kaj ŝatataj E-baloj kaj aliaj entreprenoj konatigas publikon kun Esperanto.

Utilan kunlaboron komencis E-grupo "Amikeco" antaŭ pli ol 15 jaroj kun E-grupoj el najbaraj urboj. Ĉiun duan monaton renkontiĝas grupoj ĉiam en alia el ses urboj. Tuttagan programon realigas la grupo de la gastiganta urbo.

Malgraŭ diversaj problemoj disvolviĝas Esperanto en urbo Česká Třebová bone. Ĝis nun edukis E-grupo preskaŭ 200 esperantistojn, kaj ni ĉiuj kredas, ke ĉi tiu nombro ankoraŭ kreskos.
Al vi ĉiuj, karaj gekolegoj, kiuj iamaniere subtenis E-movadon en nia urbo - ekzemple dum niaj eksterlandaj vojaĝoj ktp - apartenas nia sincera danko.

Kompilis: Jiři Pištora

B e l g i o .

E u r o p a  E s p e r a n t o  K o n f e r e n c o  -  P a s k o  1 9 8 0  -  B r u s e l o .
La Eŭropa Esperanto Centro Bruselo dissendis al la 410 eŭropaj geparlamentanoj gratulleteron, en la respektivaj gepatraj lingvoj, fiktivan pasporton eŭropan en Esperanto kaj informilon pri Esperanto.

Envenadas jam reagoj favoraj, ĝentilaj, konsildonaj, administraj, ktp.

Post ĉi tiu ampleksa laboro necesas, dum kolokvo, esplori la nunan situacion kaj plani la estontan agadon.

Pasko estas tre bone indikita por kunigi la tiurilatajn fakulojn el nia eŭropa movado kaj inviti la eŭropajn geparlamentanojn, kiuj favore respondis al la EEC-agado.

Interesuloj kaj kunlaboremuloj estas bonvenaj.

En la programo estas antaŭvidataj laborkunsidoj (26-27/4/80) vesperaj kaj tuttaga (28/4) vizitoj al eŭropaj instalaĵoj kaj -okazontaĵoj en Bruselo kaj ĉirkaŭaĵo.

Programo kaj aliĝilo havebla ĉe:
Europa Esperanto Centro
Montoyerstrato 37 b 24, B-1040 Bruselo, telefono: 02.5135995.

---

A n e k d o t o .

F e r v o j a  h o r a r o .

Provinca stacidomo. La trajno malfruas.

-"Terure! La trajno malfruas pli ol 20 minutojn. Mi ne komprenas, kial ekzistas horaroj!?"

- "Sed se ne ekzistus horaroj, kiel vi scius, ke la trajnoj malfruas?"
(el "Svisa Fervojisto")

Kongresoj.

65a Universala Kongreso de Esperanto, Stokholmo (Svedujo)
1980 08 02 - 09.
Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando
Adreso de LKK: Box 4009, S-122 04 Stockholm-Enskede, Svedujo

40a Hispana Kongreso de Esperanto

Madrido 19-24 julio 1980.

Adreso de LKK: c/Atocha 98-4$^{o}$
Madrid 12,
Hispanio.

# FERVOJAJ NOVAĴOJ

Fervojaj superlativoj

**Plej longa relvojtunelo.**
En Japanio oni finkonstruos dum 1982 fervojan tunelon 54 km longan, kiel rektan ligon inter Tokio kaj Sapporo sur la insulo Hokajdo. Kun preskaŭ la triobla longeco de la Alpa tunelo Brig-Domodossola oni nomas ĝin la plej longan relvojtunelon de la mondo. Oni komencis la laborojn antaŭ 15 jaroj kaj plenumis du trionojn ĝis nun. Estonte la vojaĝdaŭro inter la du urboj reduktiĝos de 20 al 6 horoj.

**Plej granda pramŝipo.**
En Svedio la registaro komisiis la svedajn fervojojn konstruigi novan pramŝipon ĉe la Øresund-ŝipfarejo jam ĉiĵare. Per la antaŭenigo de la planita dato oni volas subteni la ŝipfarindustrion, kiu spertas krizon nuntempe. En aŭtuno 1981 oni volas ekdeĵorigi la ŝipegon kun kapacito por 55 vagonoj, 18 kamionoj kun trenveturilo, ĉ. 30 aŭtoj kaj 800pasaĝeroj; ĝi estos la plej granda de sia speco tutmonde.

## Gravaj Enhavaĵoj


| | paĝo |
|---|---|
| 32a IFEF-Kongreso | 19 |
| Jarraporto Sekretariejo | 24 |
| IFES -80 | 26 |


La redaktofino por la venonta IF estas 05.05.80.



Preso: Esperanto-Centro Aarhus, Dk-8000 Århus C